6252 1587



# 37a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno (IFES)

**18-24/2 1996**

estas aranĝata en la ekologie plej pura montaro de Ĉeĥio, nome Jeseniky, en vilaĝo Kouty nad Desnou, finstacio de la loka fervoja linio 291: Zábřeh na Moravě - Kouty nad Desnou. Tial fervojistoj povas atingi sian celon sen komplikaĵoj trajne.

Ekzistas tri hotelkategorioj, nome

**Kategorio P** (plene ekipita): en hotelo Dlouhé Stráně kun duŝejo kaj necesejo ĉe ĉiu ĉambro.

**Kategorio M** (meza): ankaŭ en la hotelo Dlouhé Stráně, kun duŝejo kaj necesejo komunaj ĉiam por du dulitaj aŭ trilitaj ĉambroj alireblaj de komuna antaŭĉambro.

**Kategorio T** (turisma): en modesta hotelo MEZ proks. 400 m de la hotelo Dlouhé Stráně. Ĝi situas ĉe la ŝoseo (do iom da ŝosea bruo), ĉambroj po 2 kaj 3 litoj kun duŝejoj kaj necesejoj suretaĝe.

**La manĝadoj** okazas en la propraj hoteloj. En Dlouhé Stráně la prezo inkluzivas matenmanĝojn, tagmanĝojn kaj vespermanĝojn, en MEZ nur matenmanĝojn kaj vespermanĝojn.

**IFES-kotizo** inkl. restadon kaj programon:

| | |
|---|---|
| **Kategorio P:** | |
| en unulita ĉambro | 465 DEM |
| en dulita ĉambro | 390 DEM |
| en trilita ĉambro | 330 DEM |
| **Kategorio M:** | |
| en dulita ĉambro | 330 DEM |
| en trilita ĉambro | 290 DEM |
| **Kategorio T:** | |
| en dulita ĉambro | 135 DEM |
| en trilita ĉambro | 115 DEM |

Ĉiuj prezoj restas validaj nur kaze de veno de la pago ĝis 30.11.1995, poste altiĝas je 10% ĝis 15.01.1996, sekve je 20%. Kaze de skriba malaliĝo plej malfrue 5 semajnojn antaŭ komenco de koncerna aranĝo vi rericevos 90% de via pago, ĝis minimume 1 tago antaŭ komenco vi rericevos 50% de via pago.

Lige al la skisemajna programo estas aranĝataj jenaj programoj antaŭ kaj post ĝi:

Prago, 15-18.02.1996.
Brno, 24-28.02.1996.

Petu aliĝilon kun informoj, programo kaj kondiĉoj ĉe via landa asocio aŭ ĉe la aranĝanto:

KAVA-PECH,
Anglická 878,
CZ-25229 Dobřichovice
tel +42.2.991 2201, fakso +42.2.991 2126.

## Lastmomenta sciigo:

Ĉiuj, kiuj intencas partopreni la skisemajnon bv. nepre sindevige (kun la pago) aliĝi dum la unua periodo, t.e. ĝis la fino de novembro 1995. La hoteloj postulas ĝis la 6a de decembro mendi la nombron de la partoprenantoj kun precizeco 10%, alimaniere ni, la organizantoj, devus pagi altajn stornopagojn. Tial la aliĝantoj post tiu dato ne havas garantiitan sian akcepton! Dankon por via kompreno kaj sufiĉe baldaŭa aliĝo.

Petro Chrdle

6261 7305

## Frontpaĝo:

Nederlanda lokomotivo - serio 1600, longo 17,64 m, pezo 83 t, maksimuma rapido 140 km/h.

# Enhavo:

# 48a Internacia Fervojista Esperanto Kongreso

**11a-18a de majo 1996 DEN HAAG, Nederlando**




Adreso: 48a IFEF-Kongreso
POSTBUS 11686,
NL-2502 AR DEN HAAG

Bankkonto: 26.97.38.118
GWK-Bank, Den Haag
48a-IFEF-Kongreso

Poŝtkonto: 1 5 3 3 2
(vidu la instrukcion pkt-o 3 sur la aliĝilo)

En la antaŭa numero de IF ni provizore invitis vin partopreni en la 48a IFK en Den Haag. Nun ni donas al vi iom pli da informoj.

**Nia kongresurbo DEN HAAG (Hago)**

La kongresurbo de la 48a IFK nomiĝas *'s Gravenhage*, kio estas mallongigo de 'des Graven Hage' kaj signifas: Hage (= malnova vorto por kampo) de la Grafo.

Ek de la mezo de la 13a jarcento la grafoj de Holando havas ĉi tie sian rezidejon. Cetere la ĉiutaga nomo de 's Gravenhage estas DEN HAAG.

Ofta miskompreno estas, ke Hago estas la ĉefurbo de Nederlando. Ĝi ne estas! Amsterdamo estas la ĉefurbo, sed Hago estas la rezidejo de la registaro. Samtempe ĝi estas la ĉefurbo de la provinco Zuid-Holland (Suda Holando). Laŭ grandeco Hago estas la tria urbo de la lando.

Hago situas ĉe la marbordo tuj malantaŭ la dunoj. La antaŭa fiŝkaptist-vilaĝo SCHEVENINGEN nuntempe apartenas al la komunumo Hago, kaj pro tio Hago nun ankaŭ havas marhavenon. Sed ne nur fiŝkaptistaj ŝipoj hejmas ĉi tie, ankaŭ ne tro grandaj varŝipoj transportas de ĉi tie varojn al britaj havenoj.

La urbo Hago povas montri al vi sep jarcentojn da arkitekturo. Apud belegaj mezepokaj konstruaĵoj en la centro ĝi nun ankaŭ posedas tre modernajn konstruaĵojn.

La marborda regiono de Nederlando estas tre dense loĝata. Pro tio en Hago kaj antaŭurboj veturas oftfrekvence tramoj kaj aŭtobusoj. En la urbo troviĝas du grandaj fervojaj stacioj, kio same kiel en aliaj eŭropaj urboj estas sekvo de la antaŭaj diversaj fervojaj kompanioj. La plej granda stacio estas la *Centra Stacidomo*, tre moderna konstruaĵo sur kies tegmento estas la tram- kaj aŭtobusstacio. En la halo de la stacio estas la *Zalencentrum*, kiu estas nia kongresejo por la 48a IFK. Tuj apud ĝi estas granda varvendejo, butikoj, kunvensalonoj, kafejoj kaj restoracioj. La nomo estas ... *Babylon*, do ĉiuj lingvoj estas parolataj!

La alia granda stacidomo nomiĝas *Hollandse Spoor* (Den Haag H.S.), kaj en tiu stacio haltas i.a. la internaciaj trajnoj Parizo-Bruselo-Amsterdamo.

**Pri la kongresmono:**

Por eviti tro multe da bankelspezoj estus plej bone, ke vi komune pagos la kongresmonon al nia bankkonto: 26.97.38.118 GWK-Bank, Den Haag.

Vi povas ankaŭ uzi la poŝtkonton n-ro 15332. Tiu estas la poŝtkonto de GWK-Bank. Nepre indiku, ke la mono estas por la bankkonto 26.97.38.118 de la 48a IFEF-Kongreso.

Denove kelkaj ciferoj en nederlandaj guldenoj (NLG):

| **Kongreskotizo ĝis 31.01.1996:** | **NLG** |
|---|---|
| IFEF-membro | 115 |
| Familianoj/junuloj ĝis 30jaraj | 55 |
| IFEF-membro el eks-socialisma lando | 50 |
| Ne-IFEF-membro | 125 |
| Ĉambroperado po aliĝilo | 5 |

Glumarkoj po folio
(unu folio havas 15 glumarkojn) ..... 1
Tuttaga ekskurso .................. 65
Duontaga ekskurso .................. 30
Festa manĝo antaŭ la balo ............ 45

**Tuttaga ekskurso**
al la historia triangulo en nord-okcidenta parto de Nederlando.

Ni veturos al la urbo HOORN, kie atendas nin malmoderna vaportramo, per kiu ni vojaĝas dum unu horo al MEDEMBLIK. Survoje ni povas vidi puran pecon de Norda Holando, la t.n. Okcident-Frislandon. En la tramo ni ricevas kafon kaj kukon. Post la alveno en Medemblik ni promenas al la haveno. Tie ni enŝipiĝas. Per la boato ni ŝipveturas dum 90 minutoj tra la IJssellago el ENKHUIZEN. Sur la boato oni servas al ni malvarman tagmanĝon. Ni alvenas al la subĉiela ZUIDERZEE-MUZEO. Tiu ege pitoreska muzeo donas al ni superrigardon de la dometoj, malgrandaj industrioj kaj la ĉiutaga vivo de iamaj fiŝkaptistoj ĉirkaŭ de iama Zuiderzee (Sudmaro), la nuntempa IJssel-lago. Nepre kunportu vian fotoaparaton!

**Duontaga ekskurso**
Ni iros al KEUKENHOF.

Ĝi estas famkonata, grandega florekspozicio. Vi povas rigardi milionojn da floroj, florbulbojn, arbedojn, belegajn akvopartiojn kaj fontanojn. La parko havas grandecon de 28 hektaroj kaj estas vera paradizo por fotografantoj kaj film-manipulantoj.

Do ne hezitu, sed petu aliĝilon ĉe la adreso de 48a IFK. LKK

# Kongreslando 1996: Nederlando

*Wim van Leeuwen*

En 1996 Nederlando por la kvara fojo akceptos la IFEF-kongreson. Dufoje ni kongresis en Utrecht (1953 kaj 1966) kaj 1980 la 32a kongreso okazis en America. La 48a kongreso okazos en Den Haag (esp.lingve:Hago), urbo ĉe la marbordo de la Norda Maro, ĉefurbo de la provinco Sud-Holando. Ĝi estas la rezidejo de la reĝino kaj la sidejo de la registaro. Pro tiuj faktoj oni ofte miskomprene opinias ke Hago estas la ĉefurbo de Nederlando. Sed laŭ la konstitucio Amsterdamo estas (kaj restas) la ĉefurbo. Laŭ grandeco Hago estas la tria urbo de la lando, post Amsterdamo kaj Roterdamo. Kune kun la "antaŭ-urboj" Scheveningen, Voorburg kaj Rijswijk ĝi havas proksimume 500.000 loĝantojn. Entute en Nederlando loĝas iom pli ol 15 milionoj da homoj sur surfaco de 33.600 km², kio signifas popoldensecon de pli ol 400! Kaj eĉ en nia malgranda lando la diferencoj estas grandaj: la plej granda parto de la loĝantaro loĝas en la okcidentaj provincoj Nord- kaj Sud-Holandoj. Pro tio ankaŭ la trafikrimedoj en tiu parto estas tre intense uzataj. La fervoja trafiko ĉirkaŭ Hago tre similas la antaŭurban trafikon de iu granda urbo kiel Parizo aŭ Londono.

Sed unue iom pri la nederlandaj fervojoj ĝenerale. Same kiel en niaj najbaraj landoj nuntempe ankaŭ la akcia societo *Nederlandse Spoorwegen* grupigas sub siaj 'flugiloj' kelkajn sub-societojn el kiuj la ĉefaj estas: *N.S.-vojaĝantoj*, *N.S.-kargo*, *N.S.-veturilparko* kaj *Infrastrukturo*. La investoj pri la infrastrukturo estas por la ŝtato. Ek de la sepdekaj jaroj la fervoja reto denove kreskas post dekoj da jaroj de malkonstruo kaj fermo de stacioj.

Nuntempe en la okcidenta parto de la lando oni streĉe laboras por konstrui tutajn novajn liniojn, duobligon de la trakaro kaj malsamnivelajn trakkruciĝejojn. Antaŭ kelkaj jaroj pretiĝis nova linio de Amsterdamo tra la flughaveno Schiphol al Leiden (- Den Haag) pro kio ekestis dua perfervoja interligo de Hago kun Amsterdamo. 'Sateliturbo' Zoeter-

meer akiris urban fervojon, kiu interligas ĝin kun la centro de Hago. Jam dum multaj jaroj inter Hago kaj Roterdamo ekzistas du fervojaj linioj.

Sekve de la fervoja historio en Hago ĉiam ekzistas du ĉefstacioj, kvankam nuntempe bone interligitaj. En la jaro 1843 la unua fervoja linio en nia lando (1839 Amsterdamo – Haarlem) atingis Hagon kaj en la jaro 1847 Roterdamon. Nur en la jaro 1870 nova fervoja linio interligis Hagon kun Utrecht ( – Arnhem – germana limo). Tiu linio en Hago komenciĝis en alia stacio, tiam Den Haag-Rijnspoor, poste Den Haag S.S., kaj nun ĝi estas la Centra Stacidomo. Pere de interligaj trakoj de ĉi tie la trajnoj rekte veturas suden kaj norden al la 'malnova' linio Amsterdamo – Roterdamo. Cetere la stacio estas kapstacio. Iam ekzistis planoj por plibonigi la linion (parte subtere) ĝis Scheveningen, sed ĝis nun ne realiĝis. La iam ekzistintan linion (de Roterdamo) al Scheveningen oni malkonstruis post la dua mondmilito. La nuna Centra Stacidomo estas tre moderna konstruaĵo sur kies tegmento troviĝas stacio por tramoj kaj aŭtobusoj. Pere de rulŝtuparoj de la pasaĝerkajoj oni atingas tiun stacion.

En la Centra Stacidomo nun alvenas/foriras rektaj trajnoj en ĉiuj direktoj: norden al Haarlem – Alkmaar, Schipol (flughaveno) – Amsterdamo, orienten al Utrecht ( – Arnhem), suden al Roterdamo – Eindhoven – Venlo – Kolonjo kaj krome multaj antaŭurbaj trajnoj. Escepto estas la rektaj trajnoj Amsterdamo – Bruselo – Parizo, kiuj ne tuŝas la Centran Stacion, sed nur haltas en la stacio Den Haag H.S., en kiu stacio oni tamen tre baldaŭ trovas trajnon al C.S. sur la sama kajo.

La stacidomo H.S. (Hollandse Spoor) havas tute alian aspekton. Ĝi estas monumenta konstruaĵo, konstruita inter 1888 kaj 1893 de la arkitekto Margadant. Kune kun la Amsterdama Centra Stacidomo oni povas kompari ĝin




Skizo pri la situacio de la du hagaj stacioj.

kun imponaj 'samaĝuloj' en Antverpeno, Bruselo, Vieno aŭ Parizo. Ofte ĝi estas rekonstruita por adapti ĝin al modernaj postuloj. Bedaŭrinde tiuj aliiĝoj ne ĉiam estis pliboniĝoj el beleca vidpunkto. Kelkaj belaj ornamaĵoj malaperis. Denove oni estas rekonstruanta ĝin, sed nun oni ne nur konservos kelkajn belegajn partojn, oni eĉ klopodos restarigi la malnovan riĉecon.

Starante antaŭ la belega fasado sur Stationsplein oni legas en ŝtonaj literoj la plenan nomon: *Hollandsche IJzeren Spoorweg Maatschappij* (= nederlanda fervoja kompanio) kaj oni admiras la skulptaĵojn en ĝi. Sed sekve de la nuna rekonstruaĵo (kiu daŭros ĝis en la jaro 1997!) la enirejo delokiĝis al pli suda loko, kie estas provizora giĉeta halo kaj tute nova tunelo por atingi la kajojn. Sur tiu loko iam estis la stacidomo de la vaportramo al Scheveningen (haveno).

(daŭrigota)

# Por la dua fojo fervojisto Honora Membro de UEA

**... kaj aliaj informoj de la 80a Universala Kongreso de Esperanto**

Dum la tagoj 23a-29a de julio 1995 la ĉelaga finna urbo Tampereo estis kadro de la 80a UK. Partoprenis ĝin ĉ 2400 kongresanoj el 60 landoj, kaj inter ili nombro de fervojistoj, kiuj mardon la 25an okazigis Fervojistan Kontakt-kunvenon en ĉeesto de 54 el 16 landoj. Sed unue pri la honoro, kiu falis sur IFEFon. Nia honora prezidanto, s-ro **Joachim Giessner**, Germanio, estis – kune kun sep aliaj elstaruloj/fideluloj – nomumita **honora membro** de UEA, titolo kiun posedas – ĝis Tampereo– 54 aliaj personoj, inter kiuj estas depost 1988 d-ro István Bácskai, Hungario. Kiel honoraj membroj estas elektitaj esperantistoj, kiuj faris gravajn servojn al la tutmonda Esperanto-movado, en kazo Giessner precipe en IFEF. Ni kore gratulas al nia honora prezidanto kaj al ni ĉiuj pro tiu honoro.

Ek al la fervojista kontaktkunveno. Mardon matene je la 9a vicprezidanto de IFEF, inĝ István Gulyás, malfermis la kunvenon per bonvenigaj vortoj kaj skizis la programon. Raporteton pri la 47a IFK en Pécs kaj ioman reklamon por la Fervojfakaj Kajeroj faris s-ro E. Henning Olsen, eksa redaktoro de IF, s-ro Joachim Giessner prelegis pri "La vojo de la terminara laboro de IFEF ĝis 1995", kaj d-ro Imre Ferenczy skizis la laboron de la fervojistaj radioamatoroj uzantaj Esperanton.

La venonta IFES en Ĉeĥa Respubliko estis menciita, kaj ioma diskuto inter la publiko kaj la prezentintoj okazis.

Resume: la kunveno estis inda por serioze laboranta organizaĵo kia estas IFEF, kaj en pluraj aliaj kunvenoj dum la kongreso IFEF estis menciita kiel modele aganta faka organizaĵo. Belaj vortoj, sed ekstreme devigaj!

UEA elektis novan estraron kaj unu el la estraranoj estas ŝarĝita per i.a. la faka agado de la Esperantomovado. Temas pri profesoro Amri Wandel, Israelo, kiu en la kunveno, dum kiu la nova estraro prezentis sin, malkovris sian ĉeeston en la IFEF-kunveno kaj esprimis sian kontenton pri ties nivelo. Nova prezidanto de UEA estas la korea profesoro d-ro Lee Chong-Yeong, kaj vicprezidanto s-ino Renée Triolle, Francio. Entute la estraro de UEA estas sepkapa: du-ina kaj kvin-ula.

Kongresejo estis la moderna kaj bonekipita Tampere-halo, situanta je sepminuta piediro de la stacidomo. Glate marŝis la aranĝoj, kaj la vetero favoris la aranĝon per preskaŭ ĉiama varmo, sunbrilo kaj helaj noktoj.

Dum la inaŭguro, kiun ĉeestis la ambasadoroj de Ĉeĥa Respubliko, de Israelo kaj de Korea Respubliko, la prezidanto (je tiu momento) de UEA, John Wells adiaŭe festparolis retrorigardante ne nur al sia sesjara prezidanta periodo, sed faris ankaŭ resumon pri la ŝanĝoj de la ekstera mondo kaj de la Esperanto-movado en la pasintaj 40 jaroj. Ni citas el la kongresa kuriero:

""... ni ne plu bezonas ekstazi pro ĉiu alumetskatolo, kiu portas la nomon Esperanto, ĉar subite por ni pledas Umberto Eco. Ke nove anoncita Nobel-premiito scias kaj uzas Esperanton – tio altiras pli da jurnalisma atento, ol ekzotika poŝtkarto el eksterlando ..." John Wells metis finan punkton ankaŭ al 21jara vundo en nia historio, diskutoj pri la rolo de longdaŭra antaŭa prezidanto de UEA, prof. Ivo Lapenna. Nome de UEA li deklaris, ke (UEA) "**forte bedaŭras la personajn atakojn, ofendojn, insultojn kaj kalumniojn** kontraŭ prof. d-ro Ivo Lapenna faritajn en ligo kun la elekto de nova Estraro de UEA en 1974. Mi esperas, ke neniam denove tia situacio makulos nian historion". La ĉeestantoj per granda aplaŭdo esprimis sian kontenton."

eho

# Protokolo de la publika plenkunsido
## en la 47a IFEF-kongreso en Pécs (H) – 23.05.1995

**Mallongigoj:** Pr = prezidanto, Vp = Vicpr, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, H.Pr. = honora prezidanto, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, l.s. = landa sekcio, l.a. = landa asocio (aŭtomobilkodoj).

La Pr Engen salutas kaj bonvenigas la partoprenantojn. La tuta e-o ĉeestas.

**1. Malfermo, konstato mandatoj**

La Sk alvokas la rajtigitojn:

| Lando (Kodo) | Komitatano | Lando (Kodo) | Komitatano |
|---|---|---|---|
| Aŭstrio (A) | Ernst QUIETENSKY | Hungario (H) | József HALÁSZ |
| Belgio (B) | Lucien DE SUTTER | Italio (I) | Serio BOSCHIN |
| Ĉeĥio (CZ) | Jindřich TOMÍŠEK | Japanio (J) | – |
| Britio (GB) | – | Jugoslavio (YU) | Gvozden SREDIĆ |
| Bulgario (BG) | – | Kroatio (HR) | Marica BRLETIĆ |
| Ĉinio (CN) | – | Nederlando (NL) | Jan BULTMAN |
| Danio (DK) | Jan NIEMANN | Norvegio (N) | Rolf BERGH |
| Francio (F) | Jean RIPOCHE | Pollando (PL) | Maria FEDOROVIĆ |
| | Jean ROLLAND | Rumanio (R) | Mihai STEFAN |
| Germanio (D) | Joachim GIESSNER | Slovakio (SK) | Magdalena FEIFIĆOVÁ |
| | Otto RÖSEMANN | Slovenio (SLO) | Jovan MIRKOVIĆ |
| | Horst JAŠMANN | Svisio (CH) | Ernst GLÄTTLI |
| Hispanio (E) | Antonio S. SAN PEDRO | | |

Ĉeestas do 21 voĉdonrajtaj k-anoj.

**2. Ricevitaj telegramoj, leteroj**

La Sk legas la kernojn kaj la nomojn de sendintoj de bondeziroj kaj salutleteroj el ges-roj: Elfriede KRUSE (D), Pierre ROBIOLLE (F), Naosuke NOBUKI (J), Marija BELOŠEVIĆ (HR), Nelli KUBLONOVA (RUS), Raita PYHALA (SF) kaj Fervojista Esperanto-Societo NIŠ (YU).

**3. Honorigo al la mortintoj**

La Sk legas la nomojn de niaj mortintoj ekde 05.1994 ĝis 05.1995. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta starigado. Ke ili ripozu pace:

| Landa asocio | Nomo | Aĝo | Mortotago | Menciindaĵo |
|---|---|---|---|---|
| Belgio | Leon DE BRUYNE | 70 | 94.11.20 | |
| Ĉeĥio | František SVOBODA | 57 | 95.05.09 | Vp LKK Olomouc |
| Finnlando | Niilo LAINE | 72 | 94.08.04 | |
| Francio | Pierre VILLET | 84 | 94.07.01 | |
| | George FOURNIER | 99 | 94.07.07 | |
| | Seraphin HAPPI | 74 | 94.06.12 | |
| | Henri GAUDRIOT | 90 | 94.08.15 | |
| | Germaine LEMONNIER | 89 | 94.09.28 | Honora Membro de IFEF |
| Germanio | Luise TETJUNG | 62 | 94.03.23 | |
| | Hermann PAPE | | 94.04.28 | |

| Landa asocio | Nomo | Aĝo | Mortotago | Menciindajo |
|---|---|---|---|---|
| | Elisabeth BARNICKEL | | 94.05.29 | |
| | Kurt MACEK | 77 | 94. | |
| | Hubert RICHARD | 82 | 94.07.20 | |
| | Elise WOLLER | | 94.11.06 | |
| | Paul BECKERS | 85 | 95.02.26 | |
| Hungario | Alfonz PECHÁN | 92 | 94 | |
| | Ernö NÉMETH | 58 | 94 | |
| | József KARDOS | | 94 | |
| | Péterné TOLMÁCSI | | 94 | |
| | Péter ZAMBORI | 39 | 95 | |
| | Istvánné FEKETE | | 95 | |
| | Jószef MÁTYÁÁS | 72 | 95 | |
| | Ferenc NAGY | 73 | 95 | |
| | Károly RÖDÖNYI | 83 | 95.01 | Honora Patrona Komitatano |
| Italio | Enzo ARIANI | 80 | 94.08.11 | |
| | Cesare BUSANA | 48 | 95.01.27 | |
| | Gabriella RAMBELLI | 63 | 95.02.13 | |
| Jugoslavio | Jovan LADEVIĆ | 69 | 94.10.26 | |
| | Natalija JANKOVIĆ | 66 | 94.11.26 | |
| | Borko NIKOLIĆ | | | |
| | Peca PETRIVIĆ | | | |
| | Branko ČABARKAPA | | | |
| | Risto POLENAK | | | |
| Kroatio | Oton PANCER | | | |
| | Emilija LAPENNA | | | |
| | Jelena MANOJLOVIĆ | | | |
| Nederlando | Berend POSTHUMUS | 78 | 94.06.30 | |
| Rumanio | Joan TERESNEU | 63 | 94.05.18 | REFA Vp |
| Svedio | Stig Hassan CARLSSON | | 94.10.26 | |

4. **Raportoj estraraj**
   - 4.1 **Sekretario** (IF 3/95, paĝoj 35a-37a)
     Aprobita (1 sindeteno)
   - 4.2 **Redaktoro** (IF 2/95, paĝo 23a)
     Unuanime aprobita.
   - 4.3 **Kasisto, konfirmo de kasraporto** (IF 3/95, paĝoj 37a-38a)
     Unuanime aprobita

5. **Protokolo Krems (A)** (IF 5/94, paĝoj 65a-69a)
   Unuanime aprobita.

6. **Kongresproponoj (estrarelekto)**
   Post la prezento de la konfirmintaj kandidatoj kaj de la nova Rd okazas la balotoj. La rezultoj estas jenaj:

| tasko | kandidato | por | kontraŭ | sindeteno |
|---|---|---|---|---|
| Pr | Per ENGEN | 20 | 1 | – |
| Vp | István GULYÁS | 20 | – | 1 |
| Sk | Romano BOLOGNESI | 20 | – | 1 |
| Ks | Henning HAUGE | 21 | – | – |
| Rd | Erna HAUGE | 21 | – | – |

La iama Rd, E. Henning OLSEN, parolas pri sia laboro en la estraro dum multaj jaroj.

La H.Pr kaj la Ĉk varme dankas kaj gratulas pri la laboro de la e-o.
Fine de mallonga ceremonio la Pr nome de IFEF honorigas k-gon Olsen per la ora insigno de 'Honora Membro de IFEF'. Li ankaŭ ricevas memorigan kristalan vazon.

7. **Raporto ĉefkomitatano**
Ĉk De Sutter raportas pri la pasinta agadperiodo. Li povas rimarki ke preskaŭ ĉiuj l.a. respondis al la cirkulero. Li partoprenis en du estrarkunvenoj: Mezőkövesd (H), Dobřichovice (CZ) kaj en la FISAIC-jarkunveno en LOVRAN (HR). Li ofte kaj bonorde havis rilatojn kaj korespondis kun la e-o kaj kun la k-anoj. Raporto unuanime aprobita.

8. **Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**
 8.1 **Gvidanto**
 D-ro Halász detale donas informojn kaj klarigojn pri la faka agado, ĉefe pri la aperinta 5a eldono de la terminaro UIC en CD aŭ en naŭ 3,5"-diskedoj. Tio estas por IFEF mejloŝtono, sed li longe priskribas pri la kunlaborado al UIC mem por daŭre resti partneroj en ĝi. Li informas pri la apero de 'Fakaj Kajeroj' n-ro 4. Raporto unuanime aprobita.
 8.2 **Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**
 Inĝ. Kovař informas mallonge pri la ĉefa fakprelego fare de d-ro Halász kaj pri la ceteraj prelegoj.
 Raporto unuanime aprobita.
 8.3 **Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**
 D-ro Hoffmann raportas pri la jus aperintaj naciaj vortaroj el la LG IV (YU, SK, R) kaj el la V CD-eldono (I). Raporto unuanime aprobita.

9. **Raportoj de la komisiitoj**
 9.1 **Skisemajno (IFES) 1995** (IF 3/95, paĝo 38a)
 La komisiito Jan Niemann informas pri la sukcesinta lasta 36a IFES en Mühlbach (A). Raporto unuanime aprobita.
 9.2 **Fervoja Koresponda Servo 1994**
 Nome de la komisiito G. Gimelli Sk Bolognesi informas pri granda nombro de leteroj aŭ kartoj (106 el 25 landoj) kaj de korespondemuloj, kies adresoj tamen iom rapide malaktualiĝas pro la ŝanĝoj en kelkaj landoj. Raporto unuanime aprobita.
 Tamen pro personaj kaŭzoj k-go Gimelli devas rezigni pri la ĝis nun tre bone plenumita tasko. Li ricevas unuanimajn gratulojn. Estas propono flanke de S-ro Stefan (R) pri la nomo de k-go inĝ Sorin PORUPKA, Strato Mihai Bravu 32/2, R-6200 Galati. Hejma telefono +40 36 414899. Tiu prezentiĝas kaj la k-o aprobas. Li ricevos la adresaron.
 9.3 **Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA**
 Vp Gulyás raportas pri la 79a UK Seulo (KOR), kie okazis 4 komitatkunvenoj de UEA kaj estis organizita faka kunveno kun sufiĉe multnombra partopreno (31 homoj el 12 landoj: bedaŭrinde neniu koreo, kun 2 prelegoj de d-ro Ferenczy). Restas la problemo de la faka agado, pri kiu ne estas respondeculo. La Vp informas ankaŭ pri la kunveno dum la UK Tampere, kiu okazos marde la 25an de julio je la 10.00a h. Raporto unuanime aprobita.

10. **Resumo de jarraportoj 1994 el la landaj asocioj**
Vp Gulyás resumas la situaciojn kaj la agadojn de la l.a., kiuj prezentiĝas malbona en GB, SF kaj EE. Cetere en la aktivaj l.a. estas nombraj malkreskoj. Li klarigas la diversajn situaciojn. En sep landoj estas Esperanto-paĝo en la horarlibro. Raporto unuanime aprobita. Por provi plialtigi la membraron s-ro STUPPNIG (A) emfazas la novan videokurson 'Mazi'.

11. **Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj**
Pr Engen montras al la raporto de Vp Gulyás jam sufiĉe klara. K-go Sredić substrekas la

jubileojn de JAFE (70a de la fondo kaj 40a de la reorganizo).

**12. Budĝeto 1996 kaj kotizkonfirmo**

La Pr montras al la budĝeto 1996 jam disdonita al ĉiuj k-anoj en kiu estas du proponoj: 1) lasi netuŝita la kotizon (6 CHF) kaj 2) ĝia plialtigo al 6,5 CHF. La k-o voĉdonas por la propono 2), kiu ricevas 15 voĉojn 'por' kaj 6 'ŝindetenoj'. Valido ekde 1996.

**12a Elekto de revizoroj**

Estas unuanime elektitaj kiel revizoroj: Anders KLAUSEN, Robert MIKKELSEN, Grethe JENSEN kaj vicrevizoro: Svend HVASS, ĉiuj el DK.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj**

**13.1 UEA**

La Vp pritraktas la malnovan temon jam tuŝitan en la nepublika kunsido kaj en la raporto de k-ano "A", t.e. ke UEA praktike neglektas nian fakan agadon. Tie ekzistas eĉ tri respondeculoj por la landaj asocioj, sed neniu por la fakaj. Li vane petis pri tio. Raporto unuanime aprobita.

K-go Olsen montras ke estas 59 UEA-FD pri fervojo en 54 urboj en 19 landoj.

**13.2 FISAIC**

La Pr substrekas la bonegan situacion en FISAIC, kie daŭre (ja provizore ĝis 1996) oni uzas Esperanton kiel trian laborlingvon. S-ro George Wallerand (F) fariĝis Ĝen. Sekretario. Raporto unuanime aprobita. K-go Sredić klarigas sian vidpunkton pri pli malavara disdono de distingoj per FISAIC-medaloj.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 48a IFK (NL) 1996**

Unuanima aprobo pri la elekto de Den Haag (NL) 11.-18.05.1996. K-go Bultman korektas kongreskotizojn: Familianoj **55** NLG (anstataŭ 65) kaj **65** (anst. 75); kongresano ne IFEF-membro **125** (anst. 115), **135** (anst. 125). La k-o unuanime aprobas.

**14.2 Elekto de lando por 1997**

S-ino Feifičová (SK) invitas al Košice por 1997 kaj legas invitleteron de la Fervojo. La k-o unuanime aprobas la landon. La postkongreso estos sur la Tatroj.

**14.3 Diskuto pri pluraj eblecoj**

El Danio estas propono por la 50a jubilea IFK en urbo Århus (tie jam estis la 1a, 10a kaj 25a), 1998.05.16-22. La k-o aprobas provizore. El Slovenio venas invito al Ptuj por 1999, pri kiu estas atentigo, ĉar estos por IFEF grava datreveno (1909-1999).

**15. Venontaj IFES 1996 kaj 1997**

Komisiito Niemann varme invitas al la 37a IFES en Kouty nad Desnou, Montaro Jeseniky, Moravio (CZ) 18-24.02.1996 kun ankaŭ antaŭ- kaj postaranĝoj. Li klarigas pri la loĝado. La k-o unuanime aprobas.

Estas propono pri iu loko sur Pireneoj por 1997. La k-o aprobas provizore.

**16. Eventualaĵoj**

La Pr donas la parolvicon al petantoj:

S-ro Kiefer (D) proponas, ke IFES iĝu 'Vintra Ferio-Semajno', ĉar ne ĉiuj tie skias.

S-ro San Pedro invitas al Salou (E) 4-11.11.1995 por kultura kaj turisma semajno

S-ro Niemann invitas al Printempa Semajnfino en Kopenhago (DK), 2-5.05.1996.

S-ro Giessner prezentas muzikkasedon kun operetkantoj.

S-ro Sredić montras al la listo de la Honoraj Membroj de IFEF k.c. (IF 1/95, paĝoj 7a-8a). Laŭ li la distingoj ofte venas tro malfrue, kaj li proponas ke ili estu pli multaj. Cetere li donas konsilon por la publikigo nur de la nomoj de la vivantaj membroj.

S-ro Bultman prezentas la foliojn kun la glumarkoj pri Hago.

Sk Bolognesi raportas pri la presado fare de IFEA de la Terminaro Esperanto-Itala/Itala-Esperanto laŭ la 5a eldono. Ĝi estas disdonata al ĉiuj aŭtoritatuloj kaj ja al ĉiuj l.a.

Ks Hauge memorigas pri la kolekto de neuzitaj moneroj por la IFEF-fondusoj.

S-ro Chrdle anoncas aranĝon en Brno (CZ), konkuron pri filmoj, video, ktp.

S-ino Horst-Kolinska petas eblecon kaj anoncas la prezenton de io interesa por la instruado en la programero "Movadaj Aferoj".

**17. Libera diskutado**

Ne estas petoj pri tio.

Fine de la traktindaĵoj, Pr Engen fermas la kunvenon, dankante ĉiujn pro la atento kaj kontribuo.

Bologna, 28.06.1996.

Protokolis: Sk Romano BOLOGNESI

# Resuma jarraporto

## de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 1994

Surbaze de la demandilo la landaj asocioj preparis kaj sendis sian jarraporton pri la jaro 1994. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar Ĉinio kaj Slovenio – malgraŭ skriba atentigo – ne sendis raporton. Ekzamenante la indikojn de ĉinaj kaj sloveniaj fervojistaj esperantistoj de 1993 mi konstatis, ke sen la novaj indikoj de Ĉinio kaj Slovenio la resumo kaj la konkludoj estas karakterizaj kaj realaj por IFEF.

La ricevitaj unuopaj jarraportoj de la landaj asocioj ampleksas inter unu kaj sep paĝoj. La raportoj el Belgio, Ĉehio, Danio, Germanio, Italio, Hispanio, Hungario, Jugoslavio, Kroatio, Norvegio, Rumanio, Slovakio kaj Svisio estas ekzemplodone ampleksaj.

El Britio alvenis letero anstataŭ jarraporto. S-ro Frank Curtis skribis: "Ĝis nun mi havas nenion por raporti, ĉar ni ne havis kunvenojn kaj ne havas oficulojn. Do mi ne scias kion fari."

Venis letero ankaŭ el Estonio, en kiu s-ro Harry Kappel skribas: "Ĝis nun nia Esperanto-laboro stagnas. Nia aktivulo J. Palu forpasis, mi maljuniĝis (87), posteulon mi ne antaŭvidas. Nur dum mia vivo funkcias nia Esperanto-sekcio."

El Finnlando alvenis iomete mallonga jarraporto. S-ro Yrjö Hiltunen, la prezidanto de Esperanto-Societo de Finnlandaj Fervojistoj, sendis ĝin. Mi citas fragmenton el la raporto: "Ni decidis en du sinsekvaj jarkunvenoj ĉesigi nian societon. La jaro 1995 restas nia lasta agadjaro. Ni ne kolektas jarkotizon de nia societo en 1996. Ni laciĝis agadi."

Tiuj fragmentoj el la leteroj kaj jarraporto montras al ni la ĉagrenigan estonton. Bedaŭrinde en kelkaj landoj – laŭ la jarraportoj – horizontas similaj simptomoj. Tiuj faktoj nepre efike atentigu kaj impulsu nin ĉiujn por direkti nian fortan penadon kaj laboron al la organiza agado.

1. **La landaj asocioj.**

   Ĉiu landa asocio havas estraron. La nombro de estraranoj varias inter tri kaj dek unu membroj.

   La membraro de landaj asocioj nombras 4386, kio estas 446 pli ol dum la antaŭa jaro. La landaj asocioj raportas pri 1590 IFEF- membroj. Tio estas sama kiel dum la antaŭa jaro. Kompreneble apartenas al IFEF ankaŭ kelkaj individuaj membroj. El la membraro de IFEF estas 950 emerituloj, kio estas 60%.

   La pliigo de la nombro de membroj de landaj asocioj montras al ni esperigan ŝanĝon. Malgraŭ la krizo de kelkaj landaj asocioj tiu kresko donas al ni esperon, ke la Esperanto-movado inter la fervojistoj disvastiĝas. La membronombro de IFEF kaj la nombro de emerituloj stagnas, kio signifas, ke en kelkaj landoj ekhaltas la negativa

tendenco.
Laŭ la raportoj en 17 landoj troviĝas 125 lokaj grupoj, kio estas preskaŭ sama kiel dum la antaŭa jaro.

2. **Landaj organoj.**
**Kontakto kun IFEF-redakcio**
13 landaj asocioj havas propran organon. Inter ili Danio, Francio kaj Nederlando 11foje jare, Hispanio sesfoje, Aŭstrio, Ĉinio, Germanio, Italio, Hungario, Jugoslavio, Norvegio kaj Svisio kvarfoje, Japanio dufoje aperigas ĝin. Jare la totala amplekso de tiuj periodaĵoj nombras proksimume 650 paĝojn.
Danio, Hungario kaj Nederlando aperigas la propran organon pure en Esperanto.
Laŭ la raportoj de la landaj asocioj 12 landoj havas spacon en aliaj organoj por aperigi artikolon.
Ĉiu landa asocio – escepte de Bulgario kaj Kroatio – havas respondeculon pri kontakto kun la IF-redakcio.

3. **Rilatoj kun fervojo kaj aliaj instancoj**
Ne havas rilatojn al fervojaj administracioj Bulgario, Finnlando kaj Japanio.
Sep landaj asocioj – Belgio, Hungario, Jugoslavio, Kroatio, Norvegio, Slovenio kaj Svisio – ricevas financan apogon, ses landaj asocioj aliajn helpojn, ekz. senpagan ejon por klubkunvenoj, senpagan bileton por veturi al kongresoj.
La klarigoj en la oficialaj horarlibroj aperas ankaŭ en Esperanto en Ĉeĥio, Danio, Hungario, Jugoslavio, Pollando, Rumanio kaj Slovakio. Ni esperas, ke tiuj alvokoj, kiujn ni dissendis al la fervojoj, rezultigos sukceson por aperigi en aliaj landoj Esperanto-klarigojn en la oficialaj fervojaj horarlibroj.
Laŭ la raportoj 16 landaj asocioj havas bonajn rilatojn al FISAIC-organizaĵo. El ili 14 landoj raportas pri financa kaj alia subteno de FISAIC. Ok landoj havas funkciojn ĉe la landa organizaĵo de FISAIC kiel estraranoj aŭ aliaj funkciuloj.
13 landaj asocioj havas rilaton kun la landaj fervojistaj sindikatoj. El ili sep landoj raportas pri modestaj subvencioj aŭ aliaj helpoj de la sindikatoj.
14 landoj laboras kun la libertempaj, kulturaj, artaj, sportaj, filatelistaj, radioamatoraj kaj turismaj organizaĵoj por fervojistoj.
11 landaj asocioj havas rilatojn al nefervojistaj organizaĵoj. Tiuj estas medicinistoj, poŝtistoj, instruistoj, naturamikoj, verduloj, pacemuloj ktp.

4. **Kunlaboro. Rilatoj kun aliaj esperantistaj organizaĵoj**
21 landaj asocioj havas rilaton kun UEA, kvin landoj kun SAT.
Laŭ la raportoj 16 landaj asocioj havas bonajn kontaktojn ekzemple kun landaj Esperanto-asocioj, Esperanto-Institutoj, najbaraj IFEF-asocioj, ILEI, KELI, MEM, UMEA, IPTEA, IKUE, IEMW, ERA, MEL.
13 landaj asocioj havas entute 67 fakdelegitojn de UEA pri fervojo.

5. **Informado kaj varbado**
La propaganda, informada kaj varbada laboro vigliĝis kaj pliboniĝis kompare kun la antaŭa jaro. 19 landaj asocioj raportas pri tio, ke ili instigis aperigi artikolojn en gazetoj. Inter ili Germanio mencias pri 49, Ĉeĥio pri 30, Norvegio pri 20, Rumanio pri 10, Italio pri multnombraj artikoloj en diversaj tagaj kaj semajnaj – ĉefe en fervojaj kaj lokaj – gazetoj.
15 landaj asocioj raportas pri dissendo de priesperanta inform-materialo, unufoliaj, plurfoliaj materialoj kaj afiŝoj. El ili la plej grandaj kvantoj pretiĝis en Italio (6000 pecoj), Francio (2150), Germanio (1500), Norvegio (200), Danio (100). La materialojn oni dissendis ĉefe al deĵorejoj, al vizitantoj okaze de ekspozicioj, al institucioj kaj vojaĝagentejoj.
En 13 landoj okazis pli ol 110 fakprelegoj, plejparte pri fervojaj novaĵoj, pri ekskursoj, pri la IFEF- kaj UEA-kongresoj, pri la fervoja terminaro ktp.
Laŭ la raportoj 11 landaj asocioj raportas pri la prezentaĵoj, sciigoj kaj intervjuoj en radio-programo, plej multe en Hungario, Italio kaj Norvegio. Okazis prezentadoj ankaŭ en la programo de televido en Italio, Rumanio, Slovenio kaj Germanio.

En Ĉeĥio, Ĉinio, Francio, Germanio, Italio, Hungario, Kroatio, Norvegio kaj Rumanio oni aranĝis ekspoziciojn, kiujn vizitis ĉ. 20.000 interesiĝantoj, el ili en Italio pli ol 2500, en Germanio pli ol 1200, en Norvegio 1000 personoj.
14 landoj raportas pri informado en la deĵorejoj per murgazetoj, informkestoj, anoncoj, deĵoraj radioj ktp.
Preskaŭ ĉiuj landaj asocioj uzas aliajn metodojn por informi pri Esperanto aŭ varbi novajn membrojn. Tiuj okazas per varbinformiloj, adrestabuloj, gazetoj, universitataj kaj aliaj lingvokursoj, flugfolioj, afiŝoj, organizadoj de ekskursoj kaj personaj kontaktoj.

6. **Kunvenoj, kursoj ktp.**
Laŭ la raportoj ĉiuj landaj asocioj aranĝis estrarkunsidon – escepte de Finnlando kaj Japanio – entute 125. La ĉefaj temoj de tiuj kunsidoj estis administraciaj, financaj, organizaj, varbadaj, movadaj kaj kongresaj aferoj. Dum ĉiuj estrarkunsidoj oni pritraktis la ŝanĝon de la membro-nombro, la maljuniĝon de la movado, la edukadon de nova generacio kaj ekzamenon de la eblecoj de juniĝo de la fervojista Esperanto-movado.
En 17 landoj okazis entute 450 membrokunvenoj ĉe la fakgrupoj de la landaj asocioj, kaj ĉeestis entute ĉ. 4700 personoj.
En 18 landoj oni faris memstaran lingvokurson, entute 68 kursojn. La nombro de la kursanoj entute estis 680 membroj. Ĉe la kursoj elstaris Rumanio kun 160, Francio kun 135, Bulgario kun 70, Hungario kun 56, Ĉinio kaj Italio kun pli ol 40 kursanoj. Tiu nombro ne enhavas tiujn kursanojn, kiuj lernas Esperanton pere de televidaj kursoj, aliaj korespondaj kursoj kaj konversaciaj rondoj.
Escepte de Italio, Hispanio kaj Slovakio ĉiu landa asocio aranĝis jarkunsidon, entute kun 950 partoprenantoj. Inter ili partoprenis en Hungario 120, en Rumanio, Kroatio kaj Francio 100, en Germanio 96, en Jugoslavio kaj Pollando 80 ĉeestantoj. Dum 10 jarkunvenoj partoprenis eksterlandanoj, entute 80 personoj. En la kadro de la jarkunvenoj oni faris multe da fakprelegoj, ekskursoj kaj aliaj prezentadoj.
Ĉiuj landaj asocioj – escepte de Aŭstrio – planas aranĝi en 1995 jarkunvenon.
Kvar landaj asocioj aranĝis en 1994 internacian fervojistan Esperanto-renkontiĝon. En Aŭstrio okazis la 46a IFEF-kongreso en la urbo Krems kun 401 partoprenantoj el 21 landoj; en Ĉeĥio okazis la IFEF-postkongreso en la urbo Břeclav kun 27 partoprenantoj el sep landoj; ankaŭ en Ĉeĥio oni aranĝis jarkonferencon en Podebrady kun 43 ĉeestantoj el ses landoj; en Hungario okazis estrarkunsido de IFEF en ripozloko Mezőkövesd; en Aŭstrio estis la printempa estrarkunsido en Krems; en Rumanio oni aranĝis la 35an IFES en Poiana Braŝov kun 17 partoprenantoj el 7 landoj.
Preskaŭ ĉiu landa asocio aranĝis Esperanto-renkontiĝon, kunvenon kaj aliajn eventojn por la membraro.

7. **Kongresa gazetara servo. Fakprelegoj dum la kongresoj**
20 landaj asocioj uzis la oficialan materialon de la gazetara servo de la 46a IFEF-kongreso, ĉefe por verki raportojn al diversaj instancoj, por prelegi en la kluboj, por pretigi materialon al la landaj kaj fakaj organoj, por diskonigi inter la membroj de landaj asocioj.
La kongresajn fakajn prelegojn la landaj asocioj konstante bone povas uzi. Multe da landaj asocioj tradukis ilin al la nacilingvo kaj sendis al fakaj nacilingvaj gazetoj.

8. **Junularo**
Pri junuloj raportas 16 landaj asocioj. Tiuj landoj havas entute 260 junulojn. Bedaŭrinde ok landoj ne havas junulojn, inter ili Aŭstrio, Finnlando, Germanio., Japanio, Nederlando kaj Svisio. Nur en du landoj troveblas junulgrupoj, nome en Ĉinio du kaj en Rumanio unu memstaraj junulgrupoj. Bedaŭrinde du landoj havas nur unu (Kroatio kaj Danio), Hispanio nur du junulojn.
Multe da landaj asocioj daŭre varbas, agitas, sed en la nuntempa periodo por junuloj necesas speciale allogaj aferoj kaj eblecoj por sindediĉi al nia movado. Sed en la nuna ekonomia, politika kaj socia situacio ni ne

povas trovi tion. Kelkaj landaj asocioj provas serĉi konkretajn solvojn, eblecojn. En Danio ekzistas forta, neŭtrala junulara grupo (TEJO-grupo), kiu kunlaboras kun ankaŭ DEFA i.a. pri instruado. En Svisio la *Junularo Esperantista Svislanda* helpis al la fervojista landa asocio verki varbleteron en la 'lingvo' de la nuntempa junularo, kaj la sindikato disdonis ĝin al ĉiuj fervojistaj junular-sekcioj, sed rezulto ankoraŭ ne estas videbla.

Do nia ĉefa tasko estu serĉi kaj varbi junulojn, fari propagandon pri Esperanto kaj aranĝi allogajn malmultekostajn kongresojn, renkontiĝojn kaj interesajn programojn por la junuloj.

9. **Terminara kaj traduka laboro**

15 landaj asocioj laboras sur la tereno de terminara kaj traduka laboro.

11 landoj raportas pri la traduko de la *Fervoja Terminaro de Esperanto* en la nacian lingvon:

- En Germanio kaj Hungario la nacilingva terminaro estas preta, presita kaj eldonita. Ambaŭ landaj asocioj seninterrompe kunlaboras pri terminara laboro rilate al la venontaj UIC-leksikonoj. La GEFA-prezidanto transprenis la taskon traduki la RailLex-helpoprogramon el germana al Esperanto.
- Ankaŭ en Italio estas preta la nacilingva terminaro, kaj la presado okazis antaŭ kelkaj tagoj, kaj la itala landa asocio jam okaze de la 47a IFK prezentos ĝin.
- La pola kaj la jugoslavia nacilingvaj terminaroj jam estas tradukitaj, sed pro manko de mono ĝis nun ne presitaj.
- En Danio, Ĉehio, Ĉinio, Norvegio, Rumanio kaj Slovakio la terminaraj kunlaborantoj daŭrigas la tradukan laboron al la nacilingvo.

Estas grava rezulto, ke UIC kaj IFEF subskribis kontrakton, pere de kiu IFEF estas agnoskita samrajta kiel fervoja reto, kaj nun Esperanto estas inter la 11 lingvoj oficiale uzitaj de UIC en la speciala disketo.

Niaj aktualaj taskoj estas:

- traduko de ĉiam aktuala LG,
- kompilo kaj eldono de Naciaj Vortaroj,
- kolekto de novaj fakesprimoj por Aktuala Vortaro, sendi ilin al UIC,
- traduko de Difina Vortaro.

La landaj asocioj efike laboris kaj laboras por tiuj celoj.

10. **Ekonomio**

La ekonomiajn respektive financajn resumojn de la jarraportoj de la landaj asocioj pretigas la IFEF-kasisto.

11. **Diversaĵoj**

**Belgio**: Nur tri personoj laboras aktive, mankas laborfortoj. La dumonata bulteno devus urĝe reaperi, kaj oni devus ellabori taŭgan propagandilon.

**Bulgario**: En 1993 ili renovigis la fervojistan societon, kaj ili daŭrigas la Esperanto-laboron.

**Ĉehio:** Komenciĝis kontakto kun Universitato de Pardubice kaj ĝia sekcio en Česka Třebová. Estas preparata eldono de Fervojfaka Kajero 4, la plej granda parto de artikoloj estas jam preparita. La sekcio kunlaboras kaj helpas kun preparlaboroj kaj varbado de Esperanto-prelegantoj dum la 1a Internacia Scienca Konferenco de Trafika Fakultato de la Universitato. Malgraŭ la priskribitaj aktivecoj la intereso por Esperanto en Ĉehio malkreskas pro nefacila ekonomia situacio.

**Francio**: Same kiel en aliaj kulturflegantaj asocioj en Francio la Esperanto-movado stagnas. Tamen la jaro 1994 estis sufiĉe fruktodona rilate al varbado, kursoj, ekzamenoj, partopreno al diversaj manifestacioj.

**Germanio**: La ĝenerala Esperanto-movado en Germanio evidente stabiliĝis. Regule ili organizis krom la Germana Esperanto-kongreso apartajn aranĝojn por familioj kaj Internacian Festivalon por ĉefe junuloj. La privatigo de la du germanaj fervojoj ne taŭgas por "ne vivnecesaj" okupoj. Tian neintereson oni devas konstati ĝenerale en ĉiuspecaj kulturaj kluboj kaj societoj.

**Italio**: Dum la jaro 1994 okazis multaj

pri- kaj poresperantaj manifestacioj. El ili la 6a Alp-Adria Konferenco okazis en Triesto, kie partoprenis ankaŭ multaj fervojistoj. IFEA en 1994 multe laboris, kaj oni ne perdis okazon kontakti kolegojn kaj instigi ilin aniĝi kaj organizi fervojistajn Esperantoklubojn, kursojn, renkontiĝojn kaj kunvenojn. Ĝenerale ni povas vidi, ke en Italio ŝajne estas iom da evoluo, eble oni lasis la stagnon.

**Hispanio**: Hispana Esperanto Fervojista -Asocio estas la plej aktiva kaj multnombra en la lando. Estas organizitaj kursoj por komencantoj kaj progresantoj. La intereso pri Esperanto lasttempe kreskis. Bedaŭrinde kiel ĉiam mankas junuloj.

**Hungario**: 10 fakgrupoj posedas Esperanto-bibliotekon kun entute pli ol 3000 volumoj. Hungaraj Ŝtatfervojoj finance subtenas la laboron de la landa asocio. Ili faris grandajn fortostreĉojn, tamen ili rikoltis nur tre modestajn pozitivajn rezultojn sur kelkaj kampoj de la agadtereno. Laŭ espero de la landa asocio la organizo kaj aranĝo de la 47a IFK donos favorajn impulsojn al la movada agado.

**Japanio**: En la Universala Kongreso de Esperanto en Seulo multaj japanoj, sume 516 japanaj esperantistoj partoprenis. Post la UK okazis oficiala postkongreso en Japanio. Multaj japanoj ĝuis miraklan etoson de Esperantujo, kaj ili fakte spertis la utilecon de nia lingvo.

**Jugoslavio**: La ĝenerala situacio en Jugoslavio estas konata, kaj sekve de tiu ankaŭ la situacio de la Esperanto-movado ne estas pli bona: milito en Bosnio, blokado de Jugoslavio, terura ekonomia stato. Spite al ĉio la landa asocio tamen sukcesas eldonadi bultenon, okazigi kunvenojn, aperigadi kursojn en la gazetoj ktp.

**Kroatio**: Estas malfacile bone kunlabori kun Esperanto-societoj kaj asocioj en Kroatio, ĉar ekzistas du landaj asocioj, kiuj ne kunlaboras.

**Nederlando**: La situacio en Nederlando ne ŝanĝiĝis en 1994. Ili denove perdis kelkajn membrojn. La LKK por 1996, kiu fakte estas la estraro de FERN, jam bone laboras kaj ordigis la plej multajn aranĝojn por la kongreso en 1996 en Hago.

**Norvegio**: Regas bedaŭrinde certa grado de stagno por Esperanto ĝenerale, kaj en la fervojista branĉo de la movado en Norvegio.

**Pollando**: La kondiĉoj por Esperanto en Pollando kaj agado de la kluboj ne estas en bona stato kaj daŭre malkreskas. Tamen estas kelkaj malgrandaj grupoj, kiuj agas tre vigle.

**Rumanio**: En la lando – krom la fervojista Esperanto-movado – ne funkcias aliaj asocioj kun fidinda agado. En la dua parto de la jaro oni komencis reorganizi la agadon de kelkaj asocioj. Tial la fervojista landa asocio akceptis ankaŭ nefervojistojn kiel simpatiantojn.

**Slovakio**: La tuta Esperanto-movado en Slovakio estas rekonstruata kaj restarigita. La movada vivo eliras el unuopaj kluboj, kiuj memstariĝas kiel civitanaj societoj kun jura rajteco. La landa asocio ŝajnas bone enradikiĝinta kaj en la ministerio kaj en la fervoja direkcio. La kunlaboro kun la landa sekcio de FISAIC laŭ ĉiuj indikoj marŝas bone. La laboro de la landa asocio plu orientiĝas al pli multaj agadoj, nun precipe al preparo de la 49a IFK en Koŝice.

**Svisio**: Bedaŭrinde mankas la junaj fortoj. La nuna estraro de la landa asocio jam havas multe da jaraĝoj, kaj pro tio ili ŝatus transdoni tiujn taskojn al gejunuloj. La tendenco transpreni taskon kaj respondecon en unuiĝo ĉiam pli malfortiĝas. Posteuloj ne estas videblaj. Ke tiu ĉi situacio ne povos eterne daŭri estas sendube klare al ĉiu.

## 12. Fina komentario

Laŭ la raportoj de la landaj asocioj mi povas konstati:

- en Britio, Estonio kaj Finnlando la situacio estas ege malbona,
- en kelkaj landoj – Belgio, Nederlando kaj Svislando – tute mankas posteuloj, kiuj povus transpreni la taskojn en la kadro de la fervojista Esperanto-movado,
- ĉefe en la iamaj socialismaj landoj –

**INTERNACIA FERVOJISTO**
1995.5
47a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio.

**Redakcio:**
Erna Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso +45 98 80 15 99.

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Sekretario:**
D-ro Romano Bolognesi,
Via Misa 4,
I-40139 Bologna.

**Kasisto:**
Henning Hauge,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.
Tel + fakso 45 98 80 15 99.

**Dana poŝtĉekkonto:**
1 25 80 36, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev
(pagante per poŝtĉekkonto el eksterlando aldonu 15 DKK por poŝtelspezoj).

**Dana bankkonto:**
3717 034856, Den Danske Bank, DK-9800 Hjørring
(pagante per bankkonto aldonu 25 DKK por bankelspezoj).

**Svisa bankkonto:**
471-02, Thurgauische Kantonalbank,
CH 8590 Romanshorn.

**Svisa poŝtĉekkonto:**
CH 85-4110-5
Frauenfeld, IFEF,
Banegårdspladsen 14,
DK-9700 Brønderslev.

Redaktofino por la venonta IF: 20.10.1995

**Presejo:**
Gefion Tryk Næstved A/S

pro malbona ekonomia, politika kaj socia situacio – malboniĝas la movada situacio,

- preskaŭ ĉiuj landoj havas malfacilaĵojn sur la tereno de privatigo de fervojaj retoj kaj instalaĵoj. Pro tio multe da fervojistoj perdas sian laboreblecon, kaj oni ne dungas junajn fervojistojn. Tiu situacio malhelpas al la Esperanto-movado,
- en kelkaj landoj – malgraŭ bona ekonomia situacio – mankas aktiveco inter la fervojistaj esperantistoj.

Laŭ mia opinio – legante la raportojn de la landaj asocioj de IFEF – en ĉiu lando ni havas problemojn, malfacilaĵojn, tamen en multaj landoj vigliĝas la Esperanto-agado, kaj ni havas multnombrajn pozitivajn rezultojn. Tiu fakto donu al ni esperon por la estonteco, kaj instigu nin al pli efika agado.
Finante la resumon de la jarraportoj mi denove alvokas vian atenton al la junigo, renovigo de la fervojista Esperanto-movado. Ni ĉiuj devas kun granda fortostreĉo agadi por Esperanto por doni ekzemplon al la gejunuloj.

Budapest, la 20an de majo 1995
István Gulvás, vicprezidanto de IFEF

# Korektoj

Leganto atentigis pri eraro en IF n-ro 1995.3, p.39, 2a kolumno, listo de gajnintoj en IFEF-konkurso: la gajninto en la disciplino *longdistanca, virina* estis **Denise Happi-Fosso** kaj ne Denise Hervouet.

En la sama numero de IF p.45, *La muzea fervojo "Tertitten"*: La nomo de la stacio, kie oni povas resti dum la reenvojaĝo estas **Bingsfoss** (kaj ne Ringsfoss).

# Kotizo

La IFEF-kotizo estas ekde la 1-a de januaro 1996 CHF 6,50 po membro.

Kasisto

# Grava helpo al la estraro

Estrara laboro kostas monon, kaj ne ĉion povas pagi la federacia kaso. Tial E E el B donacis al estrara fonduso 710 DEM. Pro tio la estraro tre kore dankas.

Kasisto